## Redaktora babilo

Jen denove okazos, ke mankas spaco en IF. Kun peza koro mi devas prokrasti ĝis n-ro 6 la resumon de la jarraportoj de la landaj asocioj. Kvankam ĝi estas ege grava dokumento, kaj ĉijare enhavas eĉ admonajn vortojn de nia vicprezidanto, mi ne kuraĝis prokrasti la publikigon de la protokolo. Se iuj nepre bezonas la jarraport-resumon vi povas mendi ĉe la redakcio kopion por intertempa uzo.
Krom la protokolo, kiu ne estas seka legaĵo por tiu, kiu serioze interesiĝas pri la bonfarto de nia federacio, ĉi tiu numero enhavas informojn pri la 45a IFK venontjare en Italio: vere allogą oferto. Ankaŭ interesan artikolon pri la fervojoj en la Eŭropa Komunumo kaj kelkajn raportojn.
Cetere nun alproksimiĝas la sezono de kursoj, klubkunvenoj, varbado kaj informado. Finiĝis la somera, feria, akumula, ĝua sezono, kiu plifortigis nin kaj trejnis nin al la streĉo.
Streĉu!

Red

## Adopta Fonduso de IFEF

Kiel konate la ekonomio ludas gravan rolon en la vivo, ankaŭ de asocio kaj federacio.
Ĉiam ekzistis malfacilaĵoj por kelkaj landaj asocioj de IFEF ekonomie kontribui al la funkciado de la Federacio.
La membronombro de IFEF kongruas kun la kapablo pagi kotizon, kaj bedaŭrinde ne kun la reala nombro de esperantoparolantaj kolegoj.

Ĉar tiu stato konsiderinde malpliboniĝis dum la lastpasintaj jaroj, IFEF decidis refunkciigi sian ADOPTAN FONDUSON. Ĝi funkcias tiel, ke tiuj kiuj sentas emon kaj eblon elspezi ekstran sumon por helpi, sendas sian kontribuaĵon al la kasisto de IFEF (adreso kaj kontoj troviĝas sur la malfronta paĝo de IF).

Jam atingis IFEF-on la sumon egalan al 7.171,58 danaj kronoj (DKK), kiu estos uzata laŭ la - esperebla saĝa - decido de la IFEF-estraro.

Ni decidis publikigi la kontribuaĵojn laŭlande. Tio spronu al streĉo!

Sed kompreneble neniu sentu sin malpli valora, se la ebleco ne estas sama kiel tiu de la najbaro. Pensu nur pri la riĉulojn kaj la vidvinon en la Biblio (Luko 21: 1-4).

Jen alfabeta listo de landoj (asocioj, kluboj kaj unuopaj membroj), kiuj ĝis la 23a de aŭgusto kontribuis al Adopta Fonduso de IFEF:

| | DKK | | DKK |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio ....... | 74,40 | Japanio ....... | 150,00 |
| Danio ......... | 4550,00 | Nederlando .... | 3,78 |
| Finnlando ..... | 52,90 | Norvegio ...... | 541,30 |
| Francio ....... | 114,75 | Svedio ........ | 78,00 |
| Germanio ...... | 76,50 | Svislando .... | 1178,75 |
| Italio ........ | 351,20 | Entute ....... | 7171,58 |

Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj.

Kasisto

ENHAVO

Frontpaĝo: Viena stacidomo ĉe la kongresejo de UK kun alvenanta U-trajno




45a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

6a-12a de junio 1993 en CERVIA, Italio

Adreso: 45a IFEF-kongreso,
Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Poŝtkonto: 19336403, IFEA,
Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Bankkonto: 31308, IFEA ĉe BNC, Bologna - Stazione Centrale

Kongreskotizo ĝis 15.2.93 en italaj liroj (ITL):

| | |
|---|---|
| Kongresano IFEF-membro | 72.000 |
| Familiano/junul(in)o ĝis 25jara | 36.000 |
| Kongresano ne-IFEF-membro | 98.000 |
| Simpatianto | min 20.000 |
| Ĉambro-perado (hotelo) | 5.000 |
| Ĉambro-mendo = antaŭpago = deviga, dekalkulata surloke | |
| - hotelo kun pensiono | 100.000 |
| - nur tranoktejo | 50.000 |
| - - - | |
| Kongresmarkoj je folio de 16 markoj | 4.000 |
| Ekskurso A = duontaga | 30.000 |
| Ekskurso B = tuttaga, kun tagmanĝo | 60.000 |
| Ekskurso C = duontaga | 25.000 |

Rekomendinde estas mendi plenan pensionon. Ĝi kostas por ĉiu persono, por ĉiu tago, en ĉambro dulita kaj kun mineralakvo kaj ¼ vino dum la manĝoj:

| | | |
|---|---|---|
| - en kvarstela hotelo | 85.000 - 95.000 | ITL |
| - en tristela - | 50.000 - 55.000 | - |
| - en dustela - | 40.000 - 44.000 | - |
| - en unustela - | 35.000 - 38.000 | - |

Ĉiu ĉambro estas kun duŝo kaj necesejo. Por unulita ĉambro aldoniĝas 15%. Certa rabato por tria lito en dulita ĉambro.

Multlita ĉambro en malmultekosta hotelo,
nur tranoktado kaj matenmanĝo ........... 20.000 -

- - -

CERVIA (elp.Ĉervja) situas ĉe la adriatika marbordo preskaŭ meze inter Ravenna kaj Rimini. Ekskursoj okazos al Ravenna, Gradara, Faenza kaj Brisighella.

- - -

Postkongreso okazos en la sama loko (oni povos resti en la sama hotelo) de la 13a ĝis la 15a de junio 1993. Aparta aliĝilo necesas, sed adreso kaj kontoj estas la samaj kiel la IFK.

La postkongreso konsistos el tri ekskursoj: dimanĉe al Predappio kaj Bertinoro, lunde al Urbino kaj Frasissi-grotoj, kaj marde al Chioggia kaj Venezia. Prezo por la tri ekskursoj = 250.000 ITL.

Prezo por la tritaga restado en ĉambro dulita kun duona pensiono:

- en kvarstela hotelo .............................. 230.000 - 250.000 ITL
- en tristela - .............................. 135.000 - 150.000 -
- en dustela - .............................. 110.000 - 120.000 -
- en unustela - .............................. 95.000 - 100.000 -

Indas rapida decido partopreni - kaj je tiuj prezoj la decido ne estas malfacila, ĉu? ■

# Fervojoj en la Eŭropa Komunumo

Antaŭ nelonge la Eŭropa Komunumo (EK) fiksis juran kadron por la eŭropaj fervojoj interne de iliaj malfermaj limoj. Al tio apartenas precipe direktivoj de konsilantaro pri evoluo de fervojaj entreprenoj krome dekretoj pri devigoj favore al publika bono.

Ĝis la 1a de januaro 1993 la membroŝtatoj de EK devas koncedi al siaj fervojoj memstarecon kiel komercaj entreprenoj. Ili devas - almenaŭ en kontado - disigi relaron kaj ekspluatadon, resanigi la financan strukturon kaj garantii al internaciaj fervojaj organizaĵoj alirrajtojn al fervojretoj de la membroŝtatoj. La fervojoj opinias tiujn dekretojn principe utilaj, ĉar en la malferma EK-merkato la kapableco por konkurenci nepre estas plibonigenda. Aldoniĝas ŝanco por solvi problemojn de trafiko kaj medioprotekto. Sed tio antaŭkondiĉas, ke la realigota dekreto konsideros ankaŭ ĉiujn eksterajn kostojn de la diversaj transportsistemoj. Trovendas reguligo de infrastruktur-kostoj, kiu ne diskriminacias aliajn trafiksistemojn. Kelkaj fervojoj, ekzemple en Germanio, estas submetataj laŭ la konstitucio al la publika servo kaj buĝeta juro. Ŝtato kaj kontrolkonsilio rezervas al si multflankajn rajtojn kaj permesrezervojn, kiuj malhelpas agadon laŭ komercaj principoj.

La menciitaj direktivoj kaj dekretoj destinas, ke la fervojreto restas posedaĵo de la ŝtato kaj plue publika propraĵo. Por uzado de fervojreto la fervojoj pagas kompenson, kies detaloj nuntempe estas ellaboratoj. La ŝtato estas devigata doni al la fervojo solidan, financan bazon por certigi ĝian ekziston. Se pro publikaj interesoj necesas servoj evidente malprofitdonaj, kiel ekzemple la kurtdistanca trajnservo, tio estas financenda de la mendanto t.e. ŝtato, lando, regiono.

Tio ĉio postulas novan prijuĝon. La trafikpolitiko devas decidi, ĉu oni transformas fervojojn en privatajn entreprenojn, kio efektiviĝis en Japanio, aŭ en akciajn kompaniojn, kiel supozeble okazos en Germanio.

Komp. de Wilhelm Barnickel (D) ■

## Adresŝanĝo

Prezidanto de IFEF, er ENGEN, translokiĝos la 15an de oktobro 1992. La nova adreso estas: Store Presterudvei 35, N2300 HAMAR, Norvegio.

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italio.
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

# Tri fakprelegoj, raporto, diskuto kaj ekskurso

Fervojista kontaktkunveno dum la 77a UK amasiĝis 82 ĉeestantojn el 15 landoj en la kongresejo marde la 28-an de julio 1992 je la 9a horo matene.

Spite al dimanĉa internacia balo kaj lundvespera streĉa programo la aŭskultantoj kun intereso sekvis la prelegojn, kiuj estis rezulto de multhora laboro de la verkintoj.

Oni devas alte taksi la seriozecon de tiuj, kiuj ofertas libertempajn horojn por riĉigi la fervojfakan lingvon per prelegoj de diversaj fakoj de la fervoja tereno.

Vicprezidanto de IFEF István Gulyás gvidis la kunvenon kaj prezidanto de AFEF Walter Huber bonvenigis.

István Gulyás raportis pri la 44a IFK kaj direktis dankon al ties LKK.

Walter Huber (A) prelegis pri la planoj pliigi la kapaciton de certaj linioj de la aŭstriaj federaciaj fervojoj (ÖBB), temo, pri kies evoluo ni aŭdos post du jaroj dum la 46a IFK.

Janos Pátay (H) prelegis pri la historio kaj elkonstruo de la fervojlinio Hegyeshalom - Budapest, kiu ankaŭ bezonas certajn lini-ŝanĝojn por optimuma servo al la estonta trafiko.

István Gulyás daŭrigis per prezento de la rilatoj inter fervojo kaj medio, kiu temo ja havas kreskantan signifon kaj atenton de la publika opinio.

Sekvis vigla diskuto, i a pri la ĉiama jeremiado de mankanta junularo en niaj vicoj. Feliĉe aŭdiĝis ankaŭ konstruivaj vortoj kaj pensoj.

Posttagmeze eta rondo de interesuloj aŭtobusveturis al la centra rangostacio de Vieno. Tie la staciestro rakontis pri la historio kaj funkcio de la moderna ranĝostacio, kies kapacito estas 6000 varvagonoj tagnokte. Bedaŭrinde la traduko ne plene redonis la kapablojn de nia faka lingvo. Post tio ni desupre rigardis la tutan terenon kaj poste eĉ vizitis la regejon, de kie laŭ plej modernaj metodoj kaj helpe de komputilaj sistemoj la tuto estas funkciigata.

Niaj aŭstraj kolegoj meritas grandan dankon pro la aranĝo kaj pro ilia grava helpo al la bonsukcesa funkcio de la tuta 77a UK.

Laŭ persona sperto raportis red. ■



Walter Huber prelegas



Parto de la aŭskultantaro

# Protokolo de la kunsido estraro - komitato (publika)

en la 44a IFEF-kongreso en Münster (D) - 19.05.92 kaj 21.05.92

**Mallongigoj:**
Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, IF = Internacia Fervojisto, FAK = Fake Aplika Komisiono, TK = Terminara Komisiono, k-o = komitato, k-ano = komitatano, Ĉk = ĉefk-ano, kk-ano = kromk-ano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (aŭtomobilkodoj).

UNUA PARTO: 19.05.19

1. **Malfermo, konstato mandatoj**
La Pr Engen bonvenigas kaj dankas la multajn ĉeestantojn. Li mencias la ekonomiajn problemojn, kiuj tuŝas kelkajn l.a. Pro tio IFEF restarigis "Adopta Fonduso"-n por helpi la nepagipovajn landojn.

| Landoj | Komitatanoj |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | Frank CURTIS |
| Bulgario (BG) | Enjo K. ENEV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindřich TOMIŜEK |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Finnlando (SF) | Yrjö HILTUNEN |
| Francio (F) | Pierre ROBIOLLE |
| " | Jean ROLLAND |
| Germanio (D-O) | Achim MEINEL |
| Germanio (D-W) | Erhard HERLITZE |
| " | Joachim GIESSNER |
| " | Otto RÖSEMANN |
| Hispanio (E) | Antonio SANCHES SAN PEDRO |
| Hungario (H) | - |
| " | Jozsef HALÁSZ |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Jugoslavio (YU) | Gvozden SREDIĆ |
| Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio (N) | Rolf BERGH |
| Pollando (PL) | - |
| Rumanio (R) | Costantin MARKU |
| Svislando (CH) | Ernst GLÄTTLI |

| Taskoj | Kromkomitatanoj |
|---|---|
| TK | - |
| FAK | Petr CHRDLE |

Komence ĉeestas 22 k-anoj/kk-anoj, plus gaste Kroatio, ĝis ties akcepto. Ekde tiam k-go Franjo SLABEK reprezentas ĝin (= 23).

La Pr proponas tagordan ŝanĝon. La k-o interkonsentas trakti la punkton 8 tuj post la punkto 3.

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**

Sk legas la ĉefaĵojn de salutleteroj fare de:
- S-ro Wojciech SOCZOWKA (Berlin) por la Eŭropa Federalista Partio;
- S-ino Mira LIPIĆAR el Slovenio, kies kolegoj disiĝis el JAFE;
- S-ro János PATAY, k-ano por H.

3. Honorigo de la mortintoj
Niaj mortintoj dum 1991 (kaj komence de 1992), honorigitaj per legado de nomoj kaj silenta starigado. Ke ili ripozu pace:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Belgio: | Eugéne | COLLET | | (91.02. ) | |
| Danio: | Erik | MOGENSEN | 72 | (91.05.02) | |
| | Edel | ANDERSEN | | (91. . ) | |
| Francio: | André | GIOVENAL | 90 | (91.01.03) | |
| | Pierre | POLY | 88 | (91.02.01) | (IFEF-Hon.M.) |
| | Susanne | DEUM | 67 | (91.02.16) | |
| | Jean | DEMISSY | | (91. . ) | |
| | Alice | MAZAUD | 59 | (91.07. ) | |
| | Robert | COYAC | 79 | (91.07.31) | |
| | Ramon | SERRANO | 65 | (92.01.17) | |
| Germanio: | Emil | NEUMANN | | (90.12.29) | |
| | Karl | PSCHEIDT | 76 | (91.05.09) | |
| Hungario: | Margareta | SZUHAY | | (91. . ) | |
| Italio: | Clementina (Nara) | NICOLINI Ceci | 63 | (91.01.15) | |
| | Massimo | CINTOLESI | 44 | (91.07.19) | |
| | Medardo | BIAGI | 84 | (91.12.07) | |
| Japanio: | Takezoo | AOKI | 86 | (91.09.03) | |
| | Kakutaroo | TANAKA | 93 | (91.11.23) | |
| Jugoslavio: | Olga | ILIĆ | 63 | (92. . ) | |
| | Nada | ANASTASIJEVIĆ | 67 | (92. . ) | |
| Kroatio: | Veljko | ŜEGRC | | (92. . ) | |
| | Dora | POPRATNJAK | | (92. . ) | |
| Nederlando: | Ben | de JONGE | 66 | (91.02.05) | |
| | Herman | PIETERSE | 72 | (91.02.07) | |
| | Cornelius | van 'T HOOG | 70 | (91.11.05) | |
| Norvegio: | Hans | ENGEN | 77 | (91.05.03) | |
| | Egil | HALVORSEN | 77 | (91.09.09) | EksPr NFSind. |
| | Ivar | GRANMO | 64 | (92.04.08) | NEFA-Estr-ano |

8. Aliaj kongresproponoj
La Pr petas la k-on ĉu akcepti kiel kongresproponon la malfruan aliĝpeton de Kroatio iĝi nova IFEF-l.a. Li legas la leteron. Ĉiuj akceptas voĉdoni. La rezulto estas unuanima aprobo. La asembleo laŭte aplaŭdas al la nova l.a.

Sekve de politikaj ŝanĝoj ankaŭ Estonio iĝis sendependa lando. Ties l.s. sekve fariĝu l.a. Tion la k-o unuanime aplaŭde aprobas.

4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
Pr informas ke dum tiu kunsido oni traktis temojn kiuj estas en la nuna tagordo. Pro tio nun neniu el ili estas aparte mencindaj.

5. Raportoj estraraj
5.1 Sekretario (IF 2/92, paĝo 22a)
Unuanime aprobita.

5.2 Redaktoro (IF 2/92, paĝo 24a)
Unuanime aprobita.
5.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto (IF 2/92, paĝo 25a)
Raporto unuanime aprobita.
La Ks korektas la liston Membrolisto; aldoniĝas Rumanio 10.

6. Protokolo Olomouc (IF 5/91, paĝo 69a)
Protokolo unuanime aprobita.

7. Estrarelekto (IF 1/92, paĝo 6a)
Pr invitas la Ĉk preni la gvidadon de la asembleo. La e-o forlasas la salonon. Post la voĉdonado oni realvokas ĝin kaj oni legas la rezultojn. Ĉiu e-ano estas unuanime reelektita. Sekvas longa aplaŭdo.

9. Konfirmo pri invito al 45a kongreso
Post la hieraŭa prezentado per du videobendoj de la venonta IFK, la Sk Bolognesi (LKK-Pr) oficiale invitas al Cervia en Italio (6-12.06.1993) kaj al la tritaga postkongresa aranĝo en la ĉirkaŭaĵoj. Invitiloj/aliĝiloj, bildkartoj kaj glumarkoj jam estas je dispono.
La invito estas unuanime akceptita.

10. Raporto ĉefkomitatano
Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en du estrarkunvenoj: Næstved (DK), Parizo (F). Li dissendis unu cirkuleron kaj ofte korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj.
Raporto unuanime aprobita.

11. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
11.1 Terminara komisiono
Inĝ. Halász raportas ke estas la kutimaj problemoj: alta aĝo, nedeĵorantaj kaj malkreskantaj kunlaborantoj. Oni devas trovi allogajn motivojn por fakuloj kunlabori en terminara laboro. Ankaŭ la kontaktoj kun TEC ĝis nun maleblis. La gvidanto k-go Hartig multe agis, sed li malsaniĝis kaj provizore li devas rezigni multe labori kaj gvidi. Tamen la laboro daŭras. Naciaj vortaroj (NV) progresas: pretas tiu de H kaj kelkaj aliaj manuskriptoj. Difina vortaro (DV) ankaŭ estas komencita; danke al k-go Hartig ni havas modelajn ekzemplajn paĝojn.

K-ano Sredić (YU) kore gratulas kaj donas klarigojn pri la tradukado ĉe ili kaj pri la preskaŭ preta nacia manuskripto.

Ĉk De Sutter proponas sendi salutkarton kun bondeziroj al k-go Hartig, nome de la kongreso, kiu kore aplaŭde akceptas.

Raporto unuanime aprobita.

11.2 Fakprelega komisiono
Gvidanto Chrdle prezentas la ian "Faka Kajero"-n kunordigita ĉefe de inĝ. Ladislav KOVAŘ kaj per la laboro de s-ino Erna HAUGE. Li ankaŭ substrekas la taskojn de la FAK por diskonigi la utilecon de E-o inter la fakuloj neesperantistoj. Li aldone mencias la k-gojn, kiuj sinpreparis por la "Aktualaĵoj" kaj invitas ĉiujn al tiu pro-

gramero.
Raporto unuanime aprobita.

11.3 Komisiito por Skisemajnoj (IF 2/92, paĝo 28; 3/92, paĝo 42a)
K-go Niemann raportas pri la sukcesinta lasta 33a IFES en Vratna-Valo, Slovakio (CS).
Raporto unuanime aprobita.

11.4 Fervojista Koresponda Servo
Nome de komisiito Gimelli, la edzino s-ino Delvina memorigas la malaperon de la k-goj André GIOVENAL, Jean DEMISSY kaj JOLY el F kaj ke nun li daŭrigas la laboron. Ŝi raportas pri granda nombro de leteroj (154) el 22 landoj kaj de korespondemuloj (ĉ. 300), kies adresoj nun estas en komputila listo.
Raporto unuanime aprobita.

11.5 Komitatano "A" de UEA
Vp Gulyas raportas pri la 76a UK Bergen (N) kie estis bone organizita faka kunveno en la stacidomo kun sufiĉe partopreno kaj kun du fakprelegoj. Li informas ankaŭ pri la kunveno dum UK Vieno, kiu okazos mardon 92.07.28, je la 10,00h.
Raporto unuanime aprobita.

12. Resumo de la jarraportoj de la landaj asocioj
Vp Gulyas detale kaj amplekse resumas la situaciojn kaj la agadojn de la l.a. Mankas nur raportoj el R kaj EE. Li tamen devas substreki per "vekkrio" la neceson ion fari por ne lasi estingi nian agadon, ĉar ĝenerale la jarraportoj tendence kaj procentaĵe montras malkreskon kaj maljuniĝon. Tio vekas viglan diskuton.
Raporto unuanime aprobita.

DUA PARTO: 21.05.1992.

Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj konstatigas la mandatojn. Ĉeestas la samaj k-anoj de la Unua parto, plus Maria FEDOROVICZ (PL) kaj Mihai STEFAN (anstataŭ C.Marku), minus la reprezentanto de E. Estas do 23 voĉdonrajtaj k-anoj.

13. Budĝeto 1993 kaj kotizkonfirmo
Unue la Ks informas ke jam 4 privatuloj kaj 1 l.a. donacis al la "Adopta Fonduso" egalvaloron por 33 kotizoj.
La Pr montras al la budĝeto 1993 jam disdonita al ĉiuj k-anoj.
Budĝeto unuanime aprobita.

14. Elekto revizoroj
Proponitaj revizoroj el DK por la venontaj 3 jaroj: Frederik NIELSEN, Anders KLAUSEN, Robert MIKKELSEN kaj krome Svend HVASS.
Revizoroj unuanime aprobitaj.

15. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
Germanio: la 2 landaj organizoj jam interkonsentis ke ekde 1993 ekzistos nur 1 l.a. en D, sub la nomo GEFA.
Svedio: tie estas membroj, sed l.a. ne kapablas funkcii.

Eks-Jugoslavio: (nun formita de Serbio kaj Montenegro) restas l.a. kiel JAFE. S-ro Sredić informas ke en aprilo okazis jarkunveno, sed poste komencis la milito; en Serbio daŭre estas kursoj en kiuj partoprenas gejunuloj. Kroatio jam aliĝis al IFEF. El Slovenio, kiu anoncis disiĝon el JAFE venis salutletero al la kongreso.

16. Diskuto nova (labor-)agadplano
La Pr klarigas pri la neceso en IFEF elekti konkretajn celojn kaj anoncas la starigon de laborgrupo (Pr, Ks, Rd), kiu prezentos proponon de agadplano en Cervia.
La k-o unuanime akceptas.

17. Diskuto enketo pri labor-sociaj kondiĉoj de fervojistoj
Post traktado de la nuna tre ŝanĝema situacio, en atendo de pli stabilaj kondiĉoj, oni decidas prokrasti tiun interesan enketon. La e-o proponas pasigi 1-2 jarojn. Tiam laborgrupo preparos taŭgan enketilon tiucele. Propono unuanime akceptita.

18. Rilatoj al aliaj organizoj
18.1 UEA
La Vp pritraktas temon jam tuŝitan en la nepublika kunsido t.e., ke UEA praktike neglektas nian fakan agadon. Tio estas eĉ pli malagrabla ĉar oficiale IFEF estas la plej aktiva fakkategorio, sed fakte neniu subteno aŭ rekono venas de UEA.

IFEF pagas al UEA jaran kotizon (800 DKK), sed ofte estas malfacilaĵoj.

Vp ankaŭ memorigas pri la venonta UK en Vieno (A), dum kiu estos faka kunveno.

Estas kelkaj intervenoj pri la uzo de la verda stelo aŭ de aliaj simboloj (ĉefe la jubilea centjara). La Pr precizigas ke IFEF havas en sia insigno verdan stelon, kiu tute taŭgas.

18.2 FISAIC
Ks informas pri la situacio en FISAIC kie provizore oni akceptas Esperanton kiel trian laborlingvon laŭ la propono de s-ro Marcel Truel (F), la nuna Ĝen. Sekr. Tio bone funkciadas kaj efektiviĝas per la laboro de la francaj k-goj. Dum la prezidantara kunveno de FISAIC en Vieno (1991.11.07-10) oni decidis inviti esperantistojn el ĉiu landa sekcio, por festi dum la jubileo en MILLAU (F) (1992. 10.01-05). Tio jam estas grava rekono al ni, sed tie oni decidos ĉu konfirmi aŭ rezigni pri la uzo de Esperanto. Certe en Millau ĉeestos diversaj k-goj.

Inĝ. Chrdle invitas aplaŭdi la francojn pro ilia traduka laboro.

S-ro Robiolle substrekas la neceson sendi reprezentantojn en Millau por plivalorigi la esperantan agadon ĉe FISAIC. Laŭ li ni travivas unikan eventon, eble ne ripeteblan.

19. Venontaj kongresoj
19.1 Elekto de lando por 1994

Laŭ letero legita de la Pr, la e-o de AFEF dum kunveno en Krems a.d. Donau (A) decidis inviti la kongreson en Aŭstrio en 1994 (13-20.05.1994). S-ro Franz SCHARF (provizora LKK-Pr) klarigas pri la loko, ja en KREMS ĉe la Danubo, kaj kondiĉoj.
La invito estas ĝoje kaj unuanime aprobita.

19.2 **Diskuto pri pluraj eblecoj**
La Vp memorigas pri la preteco organizi kongreson en 1995 en H; tamen nun li faras proponon por okazigi ĝin en 1996, jaro de la Monda Ekspozicio, pro subvenciaj kialoj. Se ne venos aliaj kandidatiĝoj, restas la propono por 1995.

La k-o decidas esplori pro trovi pretan l.a.-n por 1995.

20. **Internaciaj skisemajnoj 1993 kaj 1994**
Komisiito Niemann klarigas la kondiĉojn, prezojn, ktp kaj varme invitas al la 34a IFES, 16-23.01.1993, en Hasliberg-Reuti, regiono Berner Oberland (CH) (vidu IF n-ro 3/92, paĝo 36a).

Por 1994 estas provizora propono flanke de Rumanio. La Pr invitas tiun l.a.-n sendi pli detalajn informojn.

21. **Eventualaĵoj**
Ĉk atentigas la k-anojn pri la neceso akurate informi pri la oficialuloj de la l.a., laŭ la Ŝtatuto (Ĝe. Reg. §12, Al 1) c)).

La Pr, laŭ propono de la italoj, prezentas s-ron d-ron Giuseppe LIZZI. Li oficiale reprezentas DLF (t.e. la itala FISAIC-sekcio) de Bologna, kiu apogas/os en la organizado de la 45a kongreso. Pere de s-ro Gimelli, li informas pri la situacio kaj pri la favora sinteno en Bologna al la esperantista agado.

Ankaŭ la Sk aldonas kelkajn dankajn vortojn al DLF, kiu multe helpas al la esperantistoj. Cetere la Sk klarigas la bedaŭrindan nepartoprenon de italaj FISAIC-reprezentantoj en la internaciaj kunvenoj de FISAIC. Tiu neglektemo kaŭzas malfacilaĵojn en la agado de la itala l.a. kaj kompreneble ĝenerale.

S-ro Sredić petas klarigojn pri la adreslisto. La Ĉk informas ke la lasta estas de la pasinta jaro, sed ĉar multaj l.a. havas sian jarkunvenon en aprilo, ja listo farita por IFK jam dum ĝi ne plu aktualas.

Pri tio, la Sk instigas la l.a.-n sendi al la Ĉk kaj al li, kaj se eblas al la tuta e-o. la informojn pri ĉiuj ŝanĝoj en la adresoj kaj nomoj.

La Ĉk notigas pri sia adresŝanĝo (vidu IF n-ro 3, paĝo 38a).

S-ro Karl Ernest SALZMANN prezentas skriban proponon por starigo de "Sekcio de Amikoj Fervojaj". La Pr klarigas ke ne eblas trakti ĝin kiel kongresproponon pro du kaŭzoj: ĝi ne venis de IFEF-ano; ĝi devus alveni antaŭ la fino de la jaro. Ĉar multaj taksas la proponon interesa, ĝi estos pristudota kaj prezentota por la venonta IFK fare de inĝ. Chrdle.

La Pr ricevas informon pri la oficiala nombro da partoprenantoj en la

kongreso Münster: ĉeestas 352 homoj el 22 landoj.

22. Libera diskutado

Venis demando pri la mono pagenda por unu membro per la "Adopta Fonduso". Por ĉiuj validas la kotizo de 6 CHF (svisaj frankoj).

Venis ankaŭ demandoj pri kiel estas solvita la pago de la ĉinaj kotizoj, pri kiuj estas speciala interkonsento per interŝanĝoj de abonoj de revuoj.

Post kelkaj alparoloj pri tio, inĝ. Chrdle konsilas kiel plej bone solvi la problemon de la ĉinaj adresoj; por la grandaj urboj ŝajne ne estas malfacilaĵoj se oni uzas la latinajn literojn, sed por vilaĝoj eble utilas fotokopii, tondi kaj alglui ankaŭ la adresojn laŭ la ĉinaj tipoj.

D-ro Serio BOSCHIN (I) relanĉas la alvokon de la revuo "Hungara Fervojista Mondo" por abonkampanjo, legante anoncon tiucele. Li alte taksas la revuon mem, kaj enhave kaj presaspekte. Ankaŭ la Pr, nome de IFEF, subtenas tiun alvokon.

La Pr instigas trakti la temon pri la ne tro bona situacio en la IFEF-membraro. Ĉar ne estas parolantoj, li instigas kontribui pri tio en la diskuto dum la programero "Movadaj Aferoj".

Fine de la traktindaĵoj li fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la kunlaboro kaj kontribuo.

Bologna, 23.06.1992

Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

# Münster – kunveno pri movadaj aferoj

Kun la partopreno de kvardeko da kongresanoj, reprezentantaj 11 landojn, la 21an de majo 1992 disvolviĝis en Münster kunveno pri "Movadaj Aferoj". Gvidis ĝin la IFEF-Sk, d-ro Romano BOLOGNESI (I). Li rememoras la celon de la programero, t.e. la neceson diskonigi la fervojistajn kaj movadajn atingojn iel akiritajn de kolegoj, kaj precipe kiel eblis ricevi oficialigon de Esperanto en la rilatoj inter la fervojaj administracioj, levi en la landaj sekcioj de FISAIC la lingvan problemon, instigi la oficialigon de Esperanto en la rilatojn inter fervojistaj sindikatoj kaj similaj organizoj. Post la enkonduko, la gvidanto donas la parolon al partoprenantoj.

K-go Ernst GLÄTTLI (CH) taksas plej efika la buŝan varbadon. Li ne perdas la kontaktojn kun la kolegoj kaj alitipaj konatuloj. Li tamen havas dubojn pri la efiko enkonduki kategorion de amikoj fervojaj.

Sk Bolognesi aprobas, kaj klarigas la metodojn por varbi en Bologna. Li volonte tuŝas la temon de la propono de s-ro Salzmann pri Sekcio de Amikoj Fervojaj; cetere ja fervojo estas ekologia transportilo kaj ĉar la medi-protektado estas ĉiam pli serĉata, eble pro tio devus esti facile trovi apogantojn ankaŭ inter verduloj-ekologiistoj.

K-go Lucien DE SUTTER (B) memoras ke jam estas apogantoj nefervojistoj

inter la anoj de BEFA.

K-go Germano GIMELLI (I) opinias ke jam estas diversaj apogantoj/simpatiantoj inter la IFEF-membroj.

S-ro Ghislain JACOBS (B) klarigas pri la malfacilaj laborkondiĉoj de la fervojistoj. Eble oni devas ŝanĝi niajn varbmetodojn ninapogante ĉe administracioj kaj sindikatoj, kaj ankaŭ sperti de UEA.

K-go Leo DE BRUYNE (B/PL) kaj s-ino Janina BANKOWSKA (PL) eksperimentis novan metodon organizante bicikladon por infanoj dum infana tago, nomumante ĝin "Esperanto", kaj donante vojaĝan premion. Tiel la homoj aŭdas pri nia lingvo kaj multaj telefonas por havi informojn.

S-ro Sikošek MARCUS (D) opinias ke se iu varbas tiu nepre devas havi karismon, t.e. forta persona altiro kaj kredebleco.

K-go Giancarlo RINALDO (I) konsilas pretigi esperantan videobendon kun novaĵoj kun la plej gravaj utilaj informoj. En ĉiu l.a. oni povus traduki ĝin kaj utiligi por propagandaj prelegoj.

G. Gimelli memorigas ke estas multegaj metodoj. Li mencias pri la maratonado de k-go Jindřich TOMIŠEK (CS), kiu kuras en la tuta mondo kun la surskribo "Esperanto ČSD". Sed kiu kapablas imiti lin?

E. Glättli admonas ĉiam utiligi Esperanton anstataŭ "krokodili".

L. De Sutter anoncas, ke danke al la belga sekcio de FISAIC nun BEFA havas novan sidejon en la stacidomo Bruselo Centra.

S-ro Ludoviko CSOMKA (H) informas pri du kursoj em kiuj partoprenis ankaŭ k-goj gejunuloj.

S. Marcŭs demandas kiel estas la reago en la diversaj landoj aŭdinte pri Esperanto, ĉar en Germanio ofte li spertas ridon. Diversaj respondoj venas aludante je sama reago, sed certe tio konsekvencas de kiel oni prezentas la aferon.

D-ro Serio BOSCHIN (I) konsilas profiti aperigi anoncetojn pri Esperanto en revuoj aŭ ĵurnaloj en kiuj estas tiaj senpagaj servoj.

Konklude, Sk Bolognesi revenas al la temo de la karismo, kiun ni ĉiuj devas plibonigi per niaj faroj. Neniu naskiĝas kun ĉiuj kvalitoj, sed ni povas akiri pli da spertoj studante kaj riĉigante niajn konojn kaj kapablojn. Oni ne timu akceptante novajn taskojn. Tio ja donos al ni pli da kuraĝo kaj ja ankaŭ la necesan karismon por pli efike propagandi. Ĉu Zamenhof en sia juneco jam posedis karismon? Certe iom jes, sed kiom da ĝi li sukcesis akiri dum sia vivo?

IFEF-sekretario
(d-ro Romano BOLOGNESI)

# Unika sukceso de la hungara fervojista Landa Amika Renkontiĝo

Inter la 4a kaj 5a de julio en urbo **Sátoraljaújhely** okazis la tradicia, en sia vico jam la 28a **LANDA AMIKA RENKONTIĜO** de la hungaraj fervojistaj esperantistoj. Cent personoj partoprenis ĝin, inter ili oficialaj gastoj. La HEA-estraron reprezentis la vicprezidanto de tiu (Ferenc Phersy), ĉeestis invititaj reprezentantoj el Aŭstrio (D-ro F.Tschom), Ĉeĥio (J.Pokorny), Germanioj (kaj okcidenta - E.Kruse, kaj orienta - A.Meinel), Jugoslavio (L.Sekereš), Pollando (M.Federowich kaj H.Szmatloch) kaj Rumanio (M.Stefan) kiel oficialaj reprezentantoj de sia pro-

pra landa asocio. La - per trajno - alvenintajn gastojn oni akceptis en la stacidomo (ornamita per esperantaj standardoj), kaj oni salutis ilin per laŭtparoliloj en Esperanto.

La partoprenantoj ricevis pakaĵon, per kiu ĉiu povis al si havigi elegantan specialan insignon el porcelano (la fama Porcelan-fabriko Hollóháza fabrikis ilin), ĉiu ricevis riĉenhavan 28paĝan programkajeron. Ĝi enhavis la detalan programon de la renkontiĝo kaj mapon de la urbo. La programkajero priskribis la historiojn de la urbo kaj regiono.

Sabate
je la 11a h. komenciĝis la jarkunsido de la Fervojista Fako de la Hungaria Esperanto-Asocio (HEA). Tiun partoprenis la delegitoj de la unuopaj hungaraj fervojistaj fakgrupoj, la reprezentanto de HEA, la invititaj eksterlandaj reprezentantoj de la Fervojista Fako. La sekretario kaj la financa respondulo prezentis la jarraportojn de la estraro. Ĉiu eksterlanda gasto salutis la kunsidon, eĉ kelkaj transdonis donaceton memore. Post la alparoloj de la partoprenantoj la raportoj estis unuanime akceptitaj.

Je la 16a h s-ro István Gulyás, la prezidanto de la Fervojista Fako de HEA solene inaŭguris la riĉenhavan ekspozicion en la urba Galerio. La ekspozicio prezentis la historion de la Esperanto-gazetaro, la fervojistan fakan agadon, la historion de la loka fervojista Esperanto-movado. En la ekspoziciejo funkciis poŝtoficejo uzanta porokazan specialan poŝtstampilon - je la ĝojo de multaj filatelistoj. Cetere tiu ekspozicio estis je la dispono de la vizitantoj (propagandcele) unu semajnon post la renkontiĝo. Multaj vizitis ĝin.

S-ro Rezsö Katona, la urbestro kune kun s-ro Pál Gávai, vicdirektoro de Fervoja Direkcio Miskolc akceptis la eksterlandajn gastojn kaj la Estraron de la Fervojista Fako. Tiu solenaĵo okazis en la urbdomo.

Dimanĉe
antaŭtagmeze la ĉeestantoj ekskursis en specialaj busoj al Hegyköz. Okazis vizitoj al muzeo de Porcelanfabriko en Hollóháza, ruinoj de fortikaĵo Füzér, muzeo de hungara lingvo-reformanto Ferenc Kazinczy en vilaĝo Széphalom.

Post la reveturo al Sátoraljaújhely okazis komuna tagmanĝo, kaj sen iuajn ceremonio finiĝis la renkontiĝo. Speciala trajno veturigis la gastojn al Budapest.

- - -

Kaj la organizantoj kaj la helpantoj faris ĉion eblan por glate, senprobleme aranĝi la renkontiĝon. En la historio de tiuj Landaj Amikaj Renkontiĝoj jam estis pluraj elstare sukcesintaj, sed tiu ĉi lasta superis ĉiun ĝis nun okazintan! Tiu sukceso laŭdas la organizantojn kaj la helpantojn, la agemajn, senlacajn, entuziasmajn membrojn de la Fervojista Fakgrupo "Vörösmarty" en Miskolc. Koran dankon al ĉiu organizanto kaj kunlaboranto!

\-

János Patay
sekretario

# Fakdelegitoj de UEA

Laŭ la indekso pri fakdelegitoj en Jarlibro 1992 de UEA ekzistas 57 delegitoj pri fervojoj. Tio estas jam io, sed - kolegoj - konsideru ĉu vi aŭ iu de vi konata estas potenciala kandidato por tia posteno.

Ju pli da fakdelegitoj ni povos starigi, des pli da atento ni ricevos de la Esperanto-publiko, kaj des pli da atento ricevos nia labordonanto, la fervojo. Ni devas ĉiam kaj ĉie manifestacii nian forton kaj niajn avantaĝojn. Do, ekagu! ■

# Honora Membro Johann Bürger mortis


Johann Bürger

La 4an de aŭgusto 1992 forpasis Johann Bürger en sia 95a jaro. Li naskiĝis 1898 en Linz (Aŭstrio), kie li ankaŭ mortis. De 1918 ĝis 1958 li laboris ĉe la Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj. Li emeritiĝis en rango de inspektoro.

Jam en 1924 Johann Bürger esperantiĝis kaj en 1928 faris la kapablecan ekzamenon. Ek de 1949 li regule dum multaj jaroj partoprenis en la IFEF-kongresoj. En la du kongresoj okazintaj en Aŭstrio, nome 1959 en Linz kaj 1975 en Villach, li forte kunlaboris en LKK.

Aparte menciinda estas la fakto, ke li ne nur verkis elstaran bildon de Zamenhof, la glumarkojn por la IFEF-kongresoj en Linz kaj Villach, sed ĉefe li estas la kreinto de la kongresinsigno por la IFEF-kongreso en Linz, kiu poste fariĝis la internacia IFEF-insigno ĝis hodiaŭ.

Esperanto fariĝis por li kvazaŭ dua profesio, kaj kiu atente sekvis la evoluon de nia aŭstria landa asocio, ĉiam denove ne povis preteraŭdi la nomon Bürger. Multnombrajn kursojn li gvidis. Fortan aktivecon li daŭre montris en sia hejmurbo Linz en formo de informado al la publiko kaj helpo al siaj linzaj kunlaborantoj.

Ekde 1960 Bürger estis honora membro de nia aŭstria landa asocio kaj honora prezidanto de AFEF-ĉefsekcio Linz. Li estis vivanta modelo por ĉiuj. Li ne nur fariĝis esperantisto, sed li seninterrompe agis tiel. Li konsiderinde influis la staton de sia landa sekcio, kaj lia aktiveco elradiis sur internacia tereno, al la internacia federacio.

IFEF agnoskis tion kaj nomumis Bürger, 80 jarojn aĝa, Honora Membro en 1978.

Kun li forlasis nin modesta, fidinda simpatia homo, kiu havis multajn amikojn en la fervojista esperantistaro, kiuj ne forgesos lin.

IFEF funebras kun la vidvino Ottilie Bürger kaj profunde kondolencas al ŝi.

# Novaĵoj pri grandrapida trafiko

Meze de 1992 la fervojoj de Francio, Belgio, Nederlando kaj Germanio anoncis, ke ili intencas aĉeti komune 27 grandrapidajn trajnojn, kiuj povas trafiki sur linioj kun diferencaj kurentosistemoj de tiuj kvar fervojoj.

Projektita estas nova versio de la franca tipo TGV Atlantiko. Postulataj estas i.a.:

- longeco ne pli ol 200 m,
- 375 sidlokoj,
- maksimuma rapido de 300 km/h sur novkonstruitaj trakoj kaj 220 km/h sur ceteraj trakoj taŭgaj por grandrapida trafiko,
- maksimuma ŝarĝo 17 t,
- ebleco kupli, direkti kaj bremsi tiun trajnon kun la tipo TGV Atlantiko.

(Daŭrigo sur venonta paĝo)

Tiuj novaj trajnoj trafikos inter Paris, Bruxelles, Köln kaj Amsterdam. Inter Bruxelles kaj London cirkulos ek de 1993 grandrapidaj trajnoj de tipo TMST (anglalingve Trans Manche Super Trajns). En 1996 estos pretaj novkonstruitaj linioj inter la franç-belga limo kaj Bruxelles kaj en 1997 inter la belg-germana limo kaj Aachen. En 2000 sekvos la linio inter la belg-nederlanda limo kaj Amsterdam parte novkonstruota, parte plibonigota.

Sur la menciitaj linioj tamen ne trafikos la germana grandrapida trajno ICE, ĉar tiu disponas pri nur unu kurentsistemo. Projektita estas la konstruo de plurkurenta grandrapida trajno ICE, kiu trafikos ek de 2000 sur novkonstruita linio Frankfurt - Köln ankaŭ al Bruxelles kaj Amsterdam.

Kompil. el "wir" 7/92 de
Wilh.Barnickel (D)

## Kiom da fervojoj Ĉinio havas?

Ĉinio ekkonstruis fervojon je duonjarcento malpli frue ol Eŭropo. La unua ĉina fervojo Wusong (Ŝanhajo) kun longo de 14,5 kilometroj inaŭguriĝis la 1an de julio 1876 kaj malkonstruiĝis post 16 monatoj. En majo 1881 oni komencis konstrui fervojon inter Tangshan kaj Xugezhuang, kiu longis 9,7 kilometrojn, kaj ĝi estis transdonita al trafiko je la 8a de novembro samjare. Ĝis la fino de 1948 Ĉinio havis 24.900 kilometrojn da fervojoj. En la daŭro de 73 jaroj ĉinoj konstruis meznombre 341 kilometrojn da fervojoj jare.

Pro la detruo de militoj funkciis nur 11.000 kilometroj da fervojoj en 1949.En la pasintaj 42 jaroj post la fondiĝo de la Ĉina Popola Respubliko la ĉina registraro konstruis 52 trunkajn kaj 153 branĉajn fervojojn. Ĝis la fino de 1989 Ĉinio havis 53.186,5 kilometrojn da funkciantaj fervojoj. De 1949 ĝis 1989 la longo de la funkciantaj fervojoj kreskis je 31.376,6 kilometroj.

La supre menciitaj fervojoj sub la unuigita administrado de la centra registaro estas rete interligitaj kaj kondukas al diversaj lokoj de la lando.

(El El Popola Ĉinio 5/1992)

INTERNACIA FERVOJISTO
1992.5
44a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio:
E Henning Olsen,
Aderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario:
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

Kasisto:
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Dana poŝtĉekkonto:
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 10 DKK por poŝtelspezoj).

Dana bankkonto:
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

Svisa bankkonto:
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

Svisa poŝtĉekkonto:
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 10.10.1992

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S